WIKIPEDIA

# Jakuta lingvo



Situo de la jakuta meze de la hodiaŭa tjurka lingvaro

| Jakuta lingvo | |
|---|---|
| **Parolantoj** | 450 000 |
| **Skribo** | cirila alfabeto, Sakha scripts |
| **Lingva statuso** | 2 vundebla |
| | **Lingvaj kodoj** |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-3** | sah |
| **Glottolog** | yaku1245 |
| **Angla nomo** | Sakha |
| **Franca nomo** | iakoute |

**Jakuta lingvo** (jakute *Саха тыла*, Saĥa tyla) estas lingvo de jakutoj, plejparte parolata en Jakutio, kie ĝi havas ofician staton, kaj en apudaj regionoj de Rusio. Ĝi apartenas al la tjurka lingvaro, kie ĝi formas apartan *jakutan branĉon*.[1]. Laŭ censo de jaro 2010, tuta nombro de parolantoj de la jakuta en Rusio estas 450 140 homoj, absoluta plimulto de kiuj loĝas en Jakutio.

La jakuta estas konsiderata aparta branĉo de la tjurka lingvaro plejparte pro granda kvanto de leksiko de necerta deveno, eble iam pruntita el iuj prasiberiaj lingvoj.[2] Krome, la lingvo enhavas multajn mongolajn pruntovortojn, kaj post anekso de Jakutio far la Rusia Imperio ĝi ankaŭ pruntis multajn vortojn el la rusa.[3]

## Enhavo



## Lingvogeografio

### Disvastigo

Absoluta plimulto de parolantoj de la jakuta vivas en Rusia Federacio. Plejparto de ili troveblas en diversaj areoj de Jakutio, kun malgrandaj komunumoj en Ĥabarovska kaj Krasnojarska regionoj. Ekzistas ankaŭ jakutaj diasporoj ekster Rusio, aparte en Turkio. Dolgana lingvo, parolata en Tajmira Dolgana-Neneca distrikto en la nordo de Krasnojarska regiono, estas iam konsiderata dialekto de la jakuta.

## Sociolingvistiko

Jakuta lingvo inter etnaj jakutoj estas uzata kaj en publika, kaj en rutina vivo. Krome, anoj de aliaj etnoj (evenoj, evenkoj, jukagiroj, dolganoj kaj rusoj, aparte jakutiaj staroĵiloj) uzas ĝin kiel interetnan lingvon en Jakutio. En Respubliko Jakutio la lingvo havas ofician statuson. Ĝi estas, kune kun la rusa, lingvo de juro en la respubliko, krome ekzistas ŝtat-subtenataj kulturaj eventoj, libroj, gazetoj, radiaj, televidaj kaj interretaj risurcoj en la jakuta. Drama kaj muzika teatro de Jakutsko plejparte prezentas spektalkojn en la jakuta, kaj la samo aplikas al pli malgrandaj amatoraj teatroj kaj vilaĝaj kulturaj kluboj en la respubliko. Ekzistas cirkloj kaj unioj de jakutlingvaj verkistoj, poetoj, kantistoj, komponistoj ktp.[4]

Jakutlingva literaturo estas unu el la plej grandaj kaj disvolvitaj el ĉiuj indiĝenaj lingvoj de Siberio kun multaj stiloj kaj ĝenroj.[4] Interalie, jakuta estas lingvo de antikva eposo "*Olonĥo*", agnoskita far UNESCO kiel parto de nemateria trezoro de la homaro. Muziko kaj kantoj en la jakuta aperas en tre diversaj stiloj, ekde tradukoj de klasikaj verkoj ĝis moderna pop- kaj rok-muziko (ekzemploj de la lasta estas rok-grupoj "*Serge*", "*Ĉolbon*" ktp). Aperis ankaŭ originala jakutlingva kino.[5][6].

Ĉi-sekva tabulo montras la regon de la jakuta lingvo laŭ etnoj en Jakutio, laŭ datenoj de censo de la jaro 2010:[7][8]

| | Nombro de anoj de responda etno kiuj asertas ke ili: | |
|---|---|---|
| | **flue regas la jakutan** | **denaske regas la jakutan** |
| entute | 441 536 | 470 092 |
| jakutoj | 401 240 | 438 664 |
| evenkoj | 16 874 | 17 016 |
| evenoj | 11 503 | 9 848 |
| rusoj | 7 229 | 1 308 |
| tataroj | 326 | 132 |
| burjatoj | 345 | 148 |

Plimulto de jakutoj estas dulingvaj: ĉ. 65% krom la jakuta flue regas ankaŭ la rusan lingvon.[4] Laŭ censo de 2010, el 460 971 jakutoj kiuj respondis al la censa demando pri la lingvoj, 416 780 asertis ke regas la rusan kaj 401 240 la jakutan.[7] El la jakutoj 438 664 asertis ke por ili denaska lingvo estas la jakuta, kaj nur 27 027 ke la rusa.[8]

En Jakutio la jakuta lingvo estas instruata en mez- kaj altlernejoj, kaj en iuj lernejoj de la respubliko ĝi estas la sola lingvo de instruado. El ĉiuj lernejanoj de entaj malplimultoj de Rusio kiuj studas en sia etna lingvo, la plej granda elcento, 17%, estas jakutaj lernejanoj kiuj lernas en jakuta lingvo. Kompare, la sama valoro por la baŝkira lingvo estas 10.1%, por la tatara — 9.6%, por la burjata — 6.5%. Entute en la 2011/2012 lerneja jaro 53 564 lernis en la jakuta lingvo (kompare, el la tatara lernis 90 786, en la baŝkira 44 114, en la avara 23 506, en la tuva — 18 235[9]

| | Lerneja jaro | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | 1980/1981 | 1990/1991 | 1991/1992 | 1998/1999 | 2000/2001 | 2002/2003 | 2010/2011 | 2011/2012 |
| Nombro de lernejanoj, kiuj studis en la jakuta lingvo en lernejoj de RSFSR/RF inter la 1980/1981 kaj 2011/2012 lerneja jaro[9] | 45 617 | 47 585 | 51 658 | 72 669 | 72 182 | 73 728 | 55 668 | 53 564 |

## Dialektoj

Fama fakulino pri jakuta lingvo Jelizaveta Ivanovna Ubrjatova difinis kvar grupojn de jakutaj dialektiĝoj:[1][10]

- Centra grupo
- Apud-Vilujska grupo
- Norduesta grupo
- Tajmira grupo

Laŭ klasado far M.S. Voronkin dialektoj de la jakuta lingvo disiĝas je du grandaj grupoj kaj aparta dolgana dialektoj:[4]

- Uesta grupo, t.n. *o-dialektoj*
  - Vilujaj dialektoj
  - Norduestaj dialetoj
- Eosta grupo, t.n. *a-dialektoj*
  - Centraj dialektoj
  - Nordeostaj dialektoj
- Dolgana dialekto

La dolgana dialekto staras aparte de ĉiuj aliaj jakutaj dialektoj. Ĉar ĝi estis longe izolita de aliaj jakutaj dialektoj kaj estis sub granda influo de la evenka, en ĝi disvolviĝis multaj notindaj fonetikaj, morfologiaj, leksikaj malsamoj kompare kun aliaj dialektoj de la jakuta lingvo. Iuj lingvistoj, kiel J.I. Ubrjatova, rigardas la dolganan aparta lingvo de tjurka lingvaro.[11] La aliaj, kiel M.S. Voronkin, konsideras ĝin dialekto de la jakuta, kvankam iom aparta, kies malsamoj de aliaj dialektoj ne estas sufiĉe grandaj por rigardi ĝin kiel memstara lingvo.[12]

Ĉiuj dialektoj de la jakuta estas reciproke interkompreneblaj. La diferencoj plejparte ekzistas en fonetiko kaj leksiko.[12]

# Ortografio

Ĝi estas skribata per la cirila alfabeto. La moderna jakuta alfabeto (starigita en 1939 de Sovetio) uzas la rusan plus 5 pliaj literoj: Ҕҕ, Ҥҥ, Өө, Һһ, Үү. La unua presaĵo en la jakuta estis parto de libro far Nicolaas Witsen publikigita en 1692 en Amsterdamo.

## Referencoj


1. ↑ [1,0] [1,1] *Убрятова Е.И.* Якутский язык (http://tapemark.narod.ru/les/623b.html) // Лингвистический энциклопедический словарь / Главный редактор В. Н. Ярцева. — М.: Советская энциклопедия, 1990. — 685 с. — ISBN 5-85270-031-2. ruse
2. ↑ *Харитонов Л.Н.* Самоучитель якутского языка. Якутск, 1987.
3. ↑ *Антонов Н.К.* Якутский язык // Языки мира: Тюркские языки / Отв. ред. Э.Р. Тенишев. — М.: Индрик, 1997. — С. 513—524. — ISBN 5-85759-061-2. С. 522—523.
4. ↑ [4,0] [4,1] [4,2] [4,3] *Антонов Н.К.* Якутский язык… С. 514
5. ↑ О якутском кино. Интервью с С. Анашкиным (http://rfaf.ru/rus/library/251_b1281_view_p1). Этнографическое Бюро.ruse
6. ↑ Долин, АнтонВоздух. Якутское киночудо: как выглядит дальневосточный блокбастер (https://web.archive.org/web/20141129015837/http://vozduh.afisha.ru/cinema/yakutskoe-kinochudo-sem-primerov/). Компания Афиша. Arkivita el la originalo (http://vozduh.afisha.ru/cinema/yakutskoe-kinochudo-sem-primerov/) je 2014-11-29.ruse
7. ↑ [7,0] [7,1] Всероссийская перепись населения 2010 года. Том 4. Национальный состав и владение языками, гражданство. 7. Владение языками населением наиболее многочисленных национальностей по субъектам Российской Федерации (http://www.gks.ru/free_doc/new_site/perepis2010/croc/Documents/Vol4/pub-04-07.pdf). Федеральная служба государственной статистики (2001—2013).ruse
8. ↑ [8,0] [8,1] Всероссийская перепись населения 2010 года. Том 4. Национальный состав и владение языками, гражданство. 9. Население наиболее многочисленных национальностей по родному языку по субъектам Российской Федерации (http://www.gks.ru/free_doc/new_site/perepis2010/croc/Documents/Vol4/pub-04-09.pdf). Федеральная служба государственной статистики (2001—2013).ruse
9. ↑ [9,0] [9,1] *Арефьев А.Л.* Языки коренных малочисленных народов Севера, Сибири и Дальнего Востока в системе образования: история и современность (http://www.socioprognoz.ru/files/File/2013/Arefiev_Jakuty_001_488%283%29.pdf#page=112&zoom=auto,108,-89). С. 111—113. ISBN 978-5-906001-21-4 ruse
10. ↑ Письменные языки мира. Российская Федерация. кн. 1. М., 2000. Стр. 583
11. ↑ *Убрятова Е.И.* Долганский язык (http://tapemark.narod.ru/les/138c.html) // Лингвистический энциклопедический словарь / Главный редактор В. Н. Ярцева. — М.: Советская энциклопедия, 1990. — 685 с. — ISBN 5-85270-031-2.
12. ↑ [12,0] [12,1] *Антонов Н.К.* Якутский язык // Языки мира: Тюркские языки / Отв. ред. Э. Р. Тенишев. — М.: Индрик, 1997. — С. 513—524. — ISBN 5-85759-061-2. С. 523.


## Vidu ankaŭ

- Lingvistiko
- Listo de lingvoj
- Lingva familio

## Eksteraj ligiloj

- esperante Pri la jakuta (http://www.lingvo.info/lf/jakuta.php?kat=his&lingvo=eo)

**Oficialaj lingvoj de Rusio**

| | |
|---|---|
| **Tutŝtata oficiala (ŝtata) lingvo** | rusa (→) |
| **Lingvoj oficialaj (ŝtataj) en federaciaj subjektoj** | abaza · avara · agula · adigea · azerbajĝana · sudaltaja · baŝkira · burjata · dargva · inguŝa · kabarda-ĉerkesa · kalmuta · karaĉaja · komia · kumika · laka · lezga · nogaja · maria · mokŝa · oseta · rutula · tabasarana · tatara · tata · tuva · udmurta · ĥakasa · caĥura · ĉeĉena · ĉuvaŝa · erzja · jakuta |
| **Lingvoj kun oficiala statuso** | vepsa · dolgana · kazaĥa (→) · karela · komipermjaka · mansa · neneca · selkupa · finna · ĥanta · ĉukĉa · evenka · evena · jukagira |